INTERNACIA
JARO VI. SOFIA — BULGARIO
JANUARO—MARTO 1962, № 1

ĴURNALISTO
ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

## KVIN JAROJ

*„Internacia Ĵurnalisto" jubileas. Forpasis jam kvin jaroj ekde la apero de la unua numero de nia ŝatata organo. Trapasinte multajn malfacilaĵojn — materialajn kaJ financajn, organizajn ktp., iom post iom, dank' al la zorgoj de la Estraro de TEĴA kaj al la klopodoj de ĝiaj redaktoroj kaj kunlaborantoj, „Internacia Ĵurnalisto" stabiliĝis kaj nun aperas klel unu el la bonaj internaciaj Esperanto-gazetoj. Ĝi fariĝis jam solida presorgano de la tutmonda esperantista ĵurnalistaro, aktiva organizilo kaj propagandilo de TEĴA, kontribuanta ne nur por la organizado kaj plivastigo de la interĵurnalista kunlaborado, sed ankaŭ por la sukceso de la internacia Esperanto-movado.*

*La organo de TEĴA plibonigis sian aspekton kaj pliriĉigis sian enhavon. Por tio kontribuis ankaŭ multaj ĝiaj regulaj kunlaborantoj kiel la kolegoj N. F. Danovskij, Niilo Kavenius, A. V. Zednik ka.*

*„Internacia Ĵurnalisto" per la nuna numero eniras en sian duan jarkvinon. Tio estas ĝojinda fakto. La redakcio promesas eklabori pli vigle por la prospero de la organo, por ke ĝi fariĝu vere bona kaj aŭtoritata internacia Esperanto-gazeto. Sed por efektivigi tion ne estas sufiĉe nur la nura entuziasmo de ĝiaj redaktoroj. En tiu rilato estas nesesa la helpo—materiala kaj fiannca—ankaŭ de ĉiuj membroj de TEĴA, estas necesa ankaŭ ilia konstanta kunlaborado. La redakcio estas certa, ke ĉiuj Teĵanoj subtenos finance sian organon kaj pliaktivigos sian kunlaboradon al ĝi.*

*Teĵanoj, ni streĉu ĉiujn niajn fortojn por la prospero de nia „Internacia Ĵurnalisto" !*

## LA RFDAKCIO DANKAS

Okaze de la nova jaro pluraj organizoj kaj kolegoj salutis la redakcion de „Internacia Ĵurnalisto" kaj ĝian redaktoron. Invitante ilin al konstanta kunlaborado, la redakcio dankas sincere al ĉiuj. Aparte la redaktoro dankas al ĉiuj, kiuj salutis lin okaze de lia perordena dekorado.

## NOVA ESPERANTO-RADIO STACIO

Post penado flanke de la ĉehoslovakaj esperantistoj, komence de februaro 1962 Radio-Praha elsendas programon en la Internacia Lingvo. La elsendoj okazos ĉiun lastan ĵaŭdon de ĉiu monato inter 18,45 kaj 19,00 MET en meza ondlongo 233,3 m 1.286 KHz. Aŭskultu kaj sendu leterojn al la adreso: Ĉehoslovaka Radio, Sendung für Osterreich, Praha, ĈSSR.

# ANKORAŬFOJE PRI NIA AGADO

## Pri la taskoj de „Internacia Ĵurnalisto" kaj de la sovetaj Teĵanoj

Tre agrable estas senti kreskon de nia TEĴA. Ĝi jam estas embrio de vasta ĵurnalista unio. Sed nun ĝi travivas malfacilaĵojn de l' infana aĝo.

Mi volas iom priparoli la staton de TEĴA en USSR. Niaj taskoj en USSR estas malfacilaj kaj gravaj. Ni klopodas membrigi en TEĴA esperantistojn-jurnalistojn el ĉiuj 15 sovetaj respublikoj.

Por ĉiu TEĴA-ano konturiĝas du vojoj, inter kiuj estas disŝirata la korpo kaj la animo:

1) esperantisto ĵurnalista,
2) esperantista ĵurnalisto.

Unu vojo — plibonigi kaj pligrandigi la asocion, intensigi ĝian laboron, propagandi kaj instrui Esperanton inter ĵurnalistoj, skribi, verki kontribuaĵojn al nia kara „Internacia Ĵurnalisto". Tio estas interesa tasko por ĉiu ajn esperantisto. Sed por ĵurnalisto... la plej alloga estas la dua direkto — eluzo de Esperanto por profesiaj ĵurnalistaj celoj. Ĉi tie necesas bone pripensi kaj rafini specifajn formojn de ĵurnalista laboro.

La ĉefa specifa trajto de esperantista ĵurnalisto estas facila ebleco kaj ĉiama aspiro al internaciaj kontaktoj. La plej grava forto de esperanta ĵurnalismo estas ebleco de facilaj internaciaj kontaktoj. Tial necesas bone pripensi, en kio estas la plej granda neceso kaj kie estas la plej vastaj perspektivoj de l' ĵurnalistaj kontaktoj.

Unue, kunligo de l' gazetoj. En nia „IĴ" devas esti prezentitaj la vizaĝoj de la plej gravaj gazetoj de ĉiu lando kaj unuavice la ĵurnalistaj gazetoj. Ekzemple por USSR ĵurnalista gazeto estas „Sovetskaja Peĉatj" (Soveta Preso) kaj la plej gravaj naciaj gazetoj „Pravda" (Moskvo A-47, Leningradskij prospekt, ul. Pravdy d. 24) kaj „Izvestia" (Moskvo, Puŝkin placo 5). Ni devas alkutimiĝi al tiu praktiko, kiam ĵurnalisto de ajna lando skribas kaj verkas, ĝenerale kunlaboras por gazetoj de ajna alia lando. Por tiu celo la ĉefa tasko de TEĴA estas prepari perfekte laborantan aparaton de kunligo inter ĵurnalistoj kaj gazetoj. Eble, estus bone de tempo al tempo publikigi revuon de la preso de iu certa lando. Mi persone plezure farus tian revuon pri soveta preso, aŭ petus kompetentan ĵurnaliston fari tion (ekzemple, kamaradon Gusev). Aliaj miaj sovetaj kolegoj TEĴA-anoj sendube farus similajn revuojn pri la preso de sia respubliko.

Sed ĉiuokaze necesas regule presi adresojn de la plej ĉefaj gazetoj de landoj. El alilandaj gazetoj min precipe interesas la gazetoj de novekreitaj afrikaj kaj aziaj ŝtatoj, ĵus ricevintaj liberon.

Listoj de l' dezirataj temoj por artikoloj estas alia grava elemento. En „IĴ" devas esti konstanta rubriko „Pri kio interesiĝas gazetoj" En la rubriko oni publikigu dezirojn de ĵurnaloj kaj apartaj kolegoj pri dezirata materialo. Ekzemple, sovetaj gazetoj interesiĝas pri opinio de ordinaraj homoj rilate al la Programo de la Komunista Partio de Sovet-Unio. Leterojn pri tiu temo oni sendu en Esperanto senpere al la redakcioj sen tradukoj.

La redakcio de „IĴ" gvidu la penojn de diverslandaj ĵurnalistoj en ilia kunlaboro kun la ĝenerala preso. „IĴ" estu siaspeca gvidlibro laŭ la paĝoj de l' preso. Sekve necesas adaptiĝi en sia laboro al diversaj kalendaraj temoj (jubileaj, datrevenaj por historiaj eventoj kaj elstaraj homoj, grandfestaj, tagoj de liberiĝo k. c.), kaj al profesiaj interesoj kaj gustoj. Ekzemple, helpi al pedagogiaj gazetoj kolekti artikolojn pri lernejoj, al forĝista preso pri forĝo, homoj, maŝinoj, priskribojn de interesaj iniciatoj kaj eventoj. Pri jubileoj necesas averti antaŭtempe, ke esperantistoj-ĵurnalistoj povu partopreni en la festo ĝustatempe.

Alia formo de l' sama direkto estas la ligo inter samideanoj ĵurnalistoj. Necesas presigi en „IĴ" adresojn de l' ĵurnaliŝtoj ĉu esperantistoj, ĉu neesperantistoj, kiuj emus al prudenta pensmaniero. Persona ligo inter kunlaborantoj estas fundamento de ajna sukceso. Ankaŭ necesas noti kaj celebri jubileojn de niaj kunbatalantoj.

Niaj personaj planoj estas krei grupojn de TEĴA-anoj en ĉiuj respublikoj de USSR. Kaj mi min adresas al k-do Vasilĉenko esti TEĴA-organizanto por Ukrainio, k-do

Janko Maŭr por Blankrusio, k-do Kolker — por Moldavio, k-do Pakuli — por Litovio, k-do Kingsepp — por Estonio, k-do Kulbis— por Latvio, k-do Bassin — por Uzbekio, k-do Sevak — por Armenio, k-dino Lisiĉnik— por Kartvelio, aliaj membroj k-doj por Azerbajĝanio, Kazaĥio, Taĝikio kaj Turkmenio.

Ni kune pripensu la plej bonan formon de kunlaboro inter ni kaj kun la ĝenerala nacilingva gazetaro.

Mi petas tiujn ĉi kolegojn tuj kontaktiĝi kun ni por ke ni pridiskutu planon pri nia estonta TEĴA-laboro.

N. DANOVSKJ, Moskvo

## IMITINDA EKZEMPLO

En multaj landoj en la centra kaj la loka gazetaro pli aŭ malpli regule aperas artikoloj, informoj k. a. materialoj por kaj pri Esperanto, pri nia movado kaj ties sukcesoj. Kompreneble tio estas ebla dank' al la favora rilato de la redaktoroj al nia lingvo kaj movado, dank' al la klopodoj de la esperantistaj ĵurnalistoj. Sed tiuj ĉi materialoj estas dissemitaj en diversaj gazetoj en la lando kaj ofte restas nekonataj al la esperantista gvidantaro kaj publiko. Tial gratulinda kaj imitinda estas la ekzemplo de iuj Esperanto-gazetoj kaj revuoj, kiuj de tempo al tempo publikigas la nomaron de la nacilingvaj gazetoj, aperigantaj por kaj pri esperantaj materialoj, menciante la titolojn de la materialoj.

Regule publikigas la nomaron de tiaj landaj gazetoj ekzemple „Franca Esperantisto", „Heroldo de Esperanto", „Bulgara Esperantisto" kaj aliaj. Tiu iniciato estas imitinda.

Estus bone se ĉiuj Esperanto-gazetoj faros la samon. Tiuj publikigaĵoj donos eblecon al la esperantistoj ekscii kiuj gazetoj kaj pri kiaj temoj skribas pri nia lingvo kaj movado.

Devo de la redakcioj de la esperantaj gazetoj estas kolekti la n-rojn de la nacilingvaj gazetoj, aperigantaj priesperantajn materialojn aŭ la eltranĉitajn publikigaĵojn. Tiurilate tre bone helpos kaj kontribuos la esperantistoj-ĵurnalistoj, kiuj ne nur devas kunlabori al la loka gazetaro per similaj materialoj, sed ankaŭ informos la Esperanto-gazetaron kie aperas tiaj materialoj. Tiucele oni povus organizi specialan informservon. Tiam estus facile ankaŭ al la Informa Fako de UEA informiĝi rapide kaj precize pri la aperintaj materialoj.

N. Lentaigne,
Paris

## PRI LA ĴURNALISTA RIPOZDOMO EN BULGARIO

*Iuj kolegoj interesiĝas pri la Internacia Ĵurnalista ripozdomo ĉe la bordo de Nigra maro en Bulgario.*

*Ni petas la interesiĝantojn kaj la dezirantojn ripozi en tiu belega domo bonvolu sin turni por informoj rekte al la jenaj adresoj; 1) Internacia domo de ĵurnalistoj, Varna. 2) Asocio de Bulgaraj ĵurnalistoj, str. Graf Ignatiev 4, Sofia, Bulgario.*

# FABELO PRI LA ŜTUPARO

**de Hristo Smirnenski**[1]

Dediĉita al ĉiuj kiuj diros:
„Tio ne koncernas min!"

— Kiu vi estas? — demandis lin la diablo.

— Mi estas plebeo laŭ deveno, kaj ĉiuj ĉifonuloj estas miaj fratoj! Ho, kel malbela estas la tero kaj kiom malfeliĉaj estas la homoj.

Tion parolis junulo kun alte levita frunto kaj kunpremitaj pugnoj. Li staris ĉe la ŝtuparo el blanka marmoro kun rozkoloraj strioj. Lia rigardo estis fiksita al la malproksimo, kie simile al malpuraj ondoj de elbordiĝinta rivero, bruis la grizaj amasoj de la mizero. Ili malkvietis, eksplodadis momente, starigis arbaron da malgrasaj nigraj manoj; tondro de indigno kaj furiozaj krioj skuis la aeron, kaj la eĥo malrapide, solene malaperis, simile al malproksimaj kanonpafoj. La amasoj kreskis, proksimiĝis ankaŭ nuboj en flava polvo, apartaj siluetoj pli kaj pli montriĝis sur la griza fono. Venis la maljunulo, kliniĝinte ĝis la tero kvazaŭ serĉis sian perditan junecon. Ĉe lia ĉifona vestajo sin tenis nudpieda knabineto kaj rigardis la altan ŝtuparon per mildaj serenblauj kiel ĉejano okuloj. Ŝi rigardis kaj ridetis. Kaj post ili iris ĉifoniĝintaj, grizaj sekaj figuroj, kiuj ĥore kantis monotonan, funebran kanton. Iu akre fajfis per buŝo, alia, kun manoj en la poŝoj, ridis laŭte, raŭke, kaj en liaj okuloj brilis frenezo.

— Mi estas plebeo laŭ deveno, kaj ĉiuj ĉifonuloj estas miaj fratoj! Ho, kiel malbela estas la tero kaj kiom malfeliĉaj estas la homoj! Ho, vi tie supre, vi...

Tion parolis junulo kun alte levita frunto kaj kunpremitaj pugnoj.

— Vi malamas tiujn supre? — demandis la diablo kaj ruze sin klinis al la junulo.

— Ho, mi venĝos al tiuj princoj kaj nobeloj. Kruele mi venĝos al ili pro miaj fratoj, kiuj havas vizaĝojn, flavajn kiel la vakso, kiuj ĝemas pli timige ol la decembraj neĝoventoj! Vidu ilian nudan, sangantan karnon, aŭdu iliajn lamentojn! Mi venĝos pro ili! Permesu al mi eniri!

La diablo ekridetis: — Mi estas gardanto de tiuj supre kaj sen subaĉeto mi ne perfidos ilin.

— Mi ne havas oron, mi nenion havas, per kio mi povus subaĉeti vin... Mi estas malriĉa ĉifona junulo... Sed mi estas preta oferi mian koron!

La diablo denove ridetis: — Ho, mi ne volas tiom multe! Donu al mi nur vian aŭdosenton!

— La aŭdosenton? Volonte... Estu, ke mi neniam, nenion plu aŭdu, estu!

— Vi ankaŭ plu aŭdos! — trankviligis lin la diablo kaj permesis al li pasi. — Pasu!

La junulo ekkuris, tuj transpasis tri ŝtupojn, sed la viloza mano de la diablo iin haltigis: — Ne plu! Haltu por aŭdi, kiel lamentas tie malsupre viaj fratoj!

La junulo haltis kaj ekaŭskultis. — Strange: kial ili komencis tiel neatendite kanti gaje kaj ridi tiel senzorge!... Kaj li ree ekkuris. La diablo denove lin haltigis: — Por ke vi supreniru ankoraŭ tri ŝtupojn, mi postulas viajn okulojn!

La junulo malespere svingis manon: — Sed tiam mi povos vidi nek miajn fratojn, nek tiujn, al kiuj mi venĝos!

La diablo: — Vi ankaŭ plu vidos... mi donos al vi aliajn, multe pli bonajn okulojn!

La junulo trapasis novajn tri ŝtupojn kaj ekrigardis malsupren. La diablo lin instigis: — Vidu ilian nudan sangantan karnon.

Pro dio! Stranga afero: kiam ili sukcesis vesti sin tiel bele! Kaj anstataŭ per sangaj vundoj, ili estas ornamitaj per mirinde skarlataj rozoj!..

Post ĉiuj tri ŝtupoj la diablo prenis sian malgrandan rekompencon. Sed la junulo iradis. Ii donis volonte ĉion, nur por atingi tien kaj venĝi al tiuj grasaj princoj kaj nobeloj! Jen unu ŝtupo, nur unu ŝtupo ankoraŭ, kaj li estos supre: Li venĝos pro siaj fratoj.

— Mi estas plebeo laŭ deveno kaj ĉiuj ĉifonuloj...

— Nu, junulo, unu ŝtupo ankoraŭ! Nur ankoraŭ unu ŝtupo, kaj vi venĝos! Sed ĉiam mi prenas duoblan pagon por tiu ĉi ŝtupo: donu al mi vian koron kaj vian memoron.

La junulo mangestis: — Ĉu la koron? Ne! Tio estas tro kruela!

---

## ALVOKO

La Departementa Komitato por Defendo de la Paco en P l o v d i v, Bulgario, sin turnas al ĉiuj packomitatoj kaj pacamikoj el ĉiuj landoj, petante ilin sendi florsemojn por la kreata „Parko de Amikeco kaj Paco" en Plovdiv kaj en la famekonata kuracloko Ĥisar. La Komitato deziras havi amikajn rilatojn kun packomitatoj el ĉiuj landoj. Interpretantoj de la ricevitaj letoroj estos la Teĵanoj en la urbo. Adreso: Okraĵen Komitet za Zaŝtita na Mira, P l o v d i v, Bulgario.

La diablo ekridis raŭke, aŭtoritite: — mi ne estas tiom kruela. Mi donos al vi anstataŭe oran koron kaj novan memoron! Se vi ne konsentus, neniam vi transirus tiun ĉi ŝtuparon, neniam vi venĝos pro viaj fratoj — pro tiuj, kiuj havas vizaĝojn flavajn kiel sablo kaj ĝemas pli terure ol decembraj neĝoventoj.

La junulo rigardis la seprentajn okulojn de la diablo.

— Sed mi estas la plej malfeliĉa. Vi prenas de mi ĉion homan!

— Kontraŭe — la plej feliĉa!... Sed? Ĉu vi konsentas: nur la koron kaj la memoron?

La junulo enpensiĝis, nigra ombro kovris lian vizaĝon, sur lia sulkiĝinta frunto ruliĝis malserenaj ŝvitgutoj: li kolere streĉis la pugnojn kaj tra kunprnmitaj dentoj diris: — Ĝi estu! Prenu ilin.

... Kaj kiel somera tempesto, indigna kaj kolera, taŭzinte la nigran hararon, li transpaŝis la lastan ŝtupon. Li jam estis supre. Kaj subite sur lia vizaĝo ekbrilis rido, liaj okuloj elradiis mildan ĝojon kaj liaj pugnoj malleviĝis. Li rigardis la festantajn princojn, rigardis malsupren, kie hurlis kaj blasfemis la griza ĉifonvestita amaso. Li rigardis, sed neniu muskolo vibris sur lia vizaĝo: ĝi estis hela, gaja, kontenta.

Li vidis malsupre feste vestitajn amasojn, la lamentoj jam estis himnoj.

— Kiu vi estas? — raŭke kaj perfide lin demandis la diablo.

— Mi estas princo laŭ deveno kaj la dioj estas miaj fratoj! Ho, kiel bela estas la tero kaj kiom feliĉaj estas la homoj!

Tradukis **Simeon Petrov**

1923

---

[1] Hr. Smirnenski, eminenta bulgara poeto. Li naskiĝis en 1898 kaj mortis tre juna — en 1923. En sia verkaro li prikantis la batalojn kaj la sopirojn de la laboruloj.

---

## *EL LA INTERNACIA FOTO-KONKURSO DE GAZETO „KOMSOMOLSKAJA PRAVDA"*



***Foto „Patrino" de la hinda fotoĵurnalisto B. SEN, gajninta bronzan medalon kaj la premion de la gazeto „Soveta Foto"***

## ESPERANTO EN GRANDAJ SOVETAJ GAZETOJ

La granda soveta ilustrita Ĵurnalo „Soveta Unio“, redaktata de la fama poeto kaj ĵurnalisto N. Gribaĉov, en sia numero 11 1961 aperigis artikolon „Posto de la „kosmonautoj.“ En ĝi oni priskribas la leterojn, ricevitajn de le kosmonautoj Gagarin kaj Titov en kvanto de 1,5 tunoj, el la tuta mondo.

Ordinaroj homoj el ĉiuj landoj de l' mondo esprimas slajn intimajn pensojn pri la progreso de la scienco, pri paco, pri venko de l' homa prudento, kaj sendas siajn korajn salutojn al la aŭdacaj kosmonaŭtoj. Inter la leteroj estas ankaŭ fotokopio de la gratulo, sendita de la 46 Universala Kongreso de Esperanto en Harrogate, Anglio. La subskribo apud la foto mencias, ke la leteroj estas ricevitaj en diversaj lingvoj, inklusive Esperanto.

Jen estas bela preteksto por ke la ĵurnalistoj-esperantistoj el diversaj landoj intervenu kun siaj amikaj ligoj korespondaj kaj atentigu al la elstara soveta ĵurnalo kaj al gia eminenta redaktoro pri Esperanto. Estas sciate, ke Gribaĉov esperimis sian malfavoran rilaton al la Internacia Lingvo, asertante, ke ĝi estas malmulte disvastigita en la mondo. Laŭ lia opinio, Esperanto estis multe pri disvastigita antaŭ 30 jaroj.

Estus bone se la kolegoj en amika spirito gratulus Gribaĉov pro la fanta agnosko de l' kontraŭa al tiu opinio, kiun li esprimis pervorte, kaj se la kolegoj proponus sian kunlaboron al la ĵurnalo „Soveta Unio“. Per tiaj leteroj la kolegoj pruvus fakte la grandan disvastigtecon de Esperanto kaj farus gravan paŝon por kontaktigo kun la nacilingva gazerato.

La adreso de l' ĵurnalo estas: Redakcio de ĵurnalo Sovetskij Sojuz“, Moskva K-9, ul. Moskvina № 8 Sovet-Unio.

En ta gazeto „Nedelja“ (Semajno) n-ro 6 de 4/6 febr. 1962, eldonata de la redakcio de la oficiala organo „Izvestia“ en Moskvo, estas publikigita artikolo „Letero de la patro de kosmonaŭto — 2“, kie Stepan Pavloviĉ Titov, patro de la kosmonaŭto German Titov, esprimas sian koran dankon al ĉiuj eksterlandaj esperantistoj, honorintaj lin per sia afabla gratulo okaze de la feliĉa kosma flugo de lia filo.

Ne povante persone respondi al ĉiuj sendintoj, li faris ĝeneralan publikan respondon al ĉiuj samtempe. Lia dankletero estas presita esperantlingve kun traduko en rusa lingvo. Dum lastaj tridek jaroj ankoraŭ neniam sovetaj gazetoj uzis Esperanton sur siaj paĝoj. Estus pone noti tion per sendo de reenoj al la gazeto „Nedelja“. Adreso: Puŝkin placo 5, Moskva, USSR.

Ĉefredaktoro de „Izvestia“ estas la famekonata soveta ĵurnalisto Adĵubej, kiu antaŭnelonge renkontiĝis kun la prezidanto de Usono Kenedi.

N. D.

---

### MEMBROJ DE TEĴA, ATENTU!

Ek de la sekvanta n-ro 2 “Internacia Ĵurnalisto“ publikigos la adresojn de ĉiuj membroj de TEĴA. Por precizigi la adresojn estas necese ĉiuj membroj sendi siajn korektajn antaŭnomojn, nomojn kaj aliajn nomojn de stratoj ktp.

---

## BONA TEĴA-AGANTO

Nia kolego D. Trudoljubov laboras aktive en urbo Jambol, Bulgario. Antaŭnelonge en la klubejo de la esperantistoj li parolis en Esperanto pri la granda signifo de la XXII kongreso de KPSU antaŭ multnombra publiko. La urba gazeto „Naroden drugar“, redaktata de Trudoljubov, aperigas por kaj priesperantajn materialojn. En n-ro 2 de januaro 1962 estas presita granda informo pri la jarkunveno de la loka E-societo „Maksim Corkij“. En n-ro 10 aperis alia priesperanta informo sub titolo „Sukcesoj, kiuj ĝojigas kaj devigas“.

S-ano Trudoljubov varbis novan membron por TEĴA.

# TRA LA GAZETARO

## „SUR MARĜENO"

Temas pri la „neesperantista" uzo de Esperanto. En artikoleto sub la supra titolo „The Worker Esperantist", N-ro 9, 1961, komentas la komenton de „La Semanto" (aŭg.-sept.) rilate la reklamon de la Ĉina Esp.-Ligo en la Jarlibro de UEA 1961. Kontraŭstarante la konkludojn de „La Semanto" ke UEA prezentas sin iomete tro neŭtrala". „The W. E." skribas:

> „Tute cinike mi diras, ke mi salutas Esperantajn eldonojn de dogmaj pronuncoj de Mao kaj Hruŝĉov ne malpli ol bombastojn de Franco aŭ Salazar. Nur tiaj bomboj povas veki iujn laborpartiojn el iliaj antaŭjuĝoj kaj kultura konservatismo. Kaj ankoraŭ unu vorto. La ironia titolo de la komento: „Ĉu UEA iĝis komunista" — pli bone konvenus al iu ne tre bonfama transoceana revueto, ol al la „Ligilo de Laboristaj Esperantistoj en Svisio".

La sama „The Worker Esperantist" ne estas konsenta ankaŭ kun la opinio de „SAT-AMIKARO", okt. 1961, pri la „ne-esperantistaj" gazetoj, aperantaj en Esperanto (Nuntempa Bulgario, El Popola Ĉinio, Vjetnamio Antaŭenmarŝas, Hungara Vivo, k. a.) ĉar tiuj imponaj revuoj kreas iluzion, ke ili baziĝas sur same imponaj movadoj „. . . la reganto de tiuj landoj ne havas pli da simpatio por Esperanto—skribis „SAT-AMIKARO" —ol por angla aŭ franca lingvoj—ili investas monon ankaŭ en eldonoj franca kaj angla de la sama revuo".

> „Sed ĝuste tio estas la plej ĝojinda fakto!. ." —kontraŭstaras „The W. E." al la aŭtoro Veterano.— „Esperantismo ne estas sekto—ĝi celas fari lingvon internacian faktoro de internacia vivo. . . Mi ne konsilus al Kdo Veterano veti, ke neniu „granda" lando subtenos finance propagandon per Esperanto. Ĉu la „Voĉo de Ameriko" aŭ la „Okcidentgermana Revuo" ne estas ja pruvo, ke apliko de Esperanto en unu politika sfero katalizas similan reakcion en la kontraŭa politika sfero?"

Kaj rifutante la aserton de Veterano, ke la „ne-Esperanttistaj" gazetoj kreas iluzion, ke ili baziĝas sur same imponaj movadoj", „The Worker Esperantist" konkludas:

> „Kaj marĝene de nia marĝeno ni notu, ke almenaŭ unu el tiuj ne-Esperantistaj revuoj (Nuntempa Bulgario) fakte baziĝas sur vere impona Esperanta movado kaj sur tre fortaj por-Esperantaj simpatioj en la registaraj rondoj".

Al la lasta konkludo de „The W. E." ni nur aldonos, ke „Nuntempa Bulgario" samtempe aperigas multajn paĝojn pure por kaj pri esperantaj.

## KUNEKZISTADO — JES AŬ NE?

S-ano Ulrich Lions verkis longan kaj interesan artikolon sub la supra titolo, kiu aperis en „Germana Esperanto-Revuo", n-ro 12, 1961. La artikolo tuŝas gravajn problemojn, kiuj estis pritraktitaj en la kadroj de la 5-a Internacia Seminario de Germana Esperanto-Junularo en Köln, decembro 961. La elektita temo por la Seminario estas politika: „Usono kaj Seveta Unio- Ĉu eblas kunekzistado de la du kontraŭaj socisistemoj?". La aŭtoro skribas, ke la organizantoj de la Seminario

> „. . . opiniis, ke ankaŭ la esperantistoj, kiuj ŝatas nomi sin „veraj internaciistoj", ne povas pretervidi tian gravan internacian problemon. . ."

Por ne influi la diskutadon dum la Seminario, s-ano Lins decidis resti „neŭtrala", pro tio li skribas:

> „. . . ni limigu nin ĉefe je citado de opinioj kaj eksplikoj pri kunekzistado. . ."

Vere, la aŭtoro, eksplikante la temon, donas multajn kaj grandajn citajojn de Lenin, Hruŝĉov, Nehru, Maŭ Zedong, Jugoslavia Esperantisto k. a. Fine li konkludas pri la rezultoj de la Seminario:

> „Atingo de unuanimeco ne nepre estas celata, verŝajne eĉ ne estos ebla; aspirataj antaŭ ĉio estas fruktodonaj diskutadoj, pri kies rezultoj ni verŝajne jam povos informi vin en la februara numero de JGE".

Ĉiuj junuloj-esperantistoj, la esperantistaro en la tuta mondo atendas la informojn pri la rezultoj de la Seminario.

---

## NOVAJ MEMBROJ DE TEĴA

1. Georgi Jurdanov Vâlev, str. 9 „Septemvri" 12, J a m b o l, Bulgario.
2. Prof. Canko Murgin, str. Iskar 46, S o f i a, tel. 9-52-50, Bulgario.
3. Rolf Müller, Ransdorf, Kreis Zossen, Teutonenring 445 (15). tei. 361, Germanio (DDR).
4. Viktor Nikolaevič Kaplun, s. Maŝevka, Poltavskoj obl., Ukraina, SSR, Sovet Unio.
5. Pavelson Hejno, str. Tahe 5—3, Tallinn, Estona SSR, Sovet — Unio.
6. Berto Ferro, Hagenstrasse 13, L e t m a t h e (Sauerland), Germanio (GFR).
7. Iv. Ŝavkun, ul Obnorskogo 23—8, G o r k i j 41 USSR

## SANĜO DE ADRESOJ

Oskar Berman, Beit Berlin, Tarna strato, Hadera, Izrael.

J. van Keulen, V. Bethovensingel 91-A, Vlaardingen. Nederlando.

N. F. Danovskij, Moskva G-34, Metrostroevskaja 3, kv. 1, USSR.

# AL NOVA VIVO

Niaj legantoj memoras la neordinaran kazon kun la medicina flegistino Penka Najdenova. Ni detale rakontis pri ĝi en la artikolo „Revivigo de mortinto" publikigita en n-ro 2 — 1961 de „Internacia Jurnaisto". Tiam ankoraŭ ne estis klare kio okazos en la estonteco kun la 23-jara junulino, frapita de elektrokurento kaj savita post 15-minuta klinika morto. Prof. generalo Kosta Stojanov tiam diris: „Mi estas certa, ke tiu ĉi juna virino, kiu naskiĝas duan fojon, estos denove inter ni laboruloj".

Nia artikolo „Revivigo de mortinto" provokis grandan interoson. Tial ni publikigas la nunan informon por Sciigi al la legantoj de „Int. Ĵ-sto", kio okazis kun la fleigistino Penka post ŝia reviviĝo·

De post tiuj tagoj pasis dek monatoj. Nun mi denove renkontiĝis kun Penka Najdenova, kiu, kiel deklaris tiam nia elstara kirurgo prof. Stojanov, denove estas inter ni laboruloj. . .

Mi facile trovis la kvaretaĝan domon sur strato Iskar n-ro 20. Mi supreniris la duan etaĝon kaj haltis antaŭ la pordo, sur kiu mi tralegis: „Familio Penka kaj Georgi Aleksandrov. Sonorigu dufoje". Emociite mi premis la butonon. Post ioma tempo la pordo larĝe malfermiĝis kaj antaŭ mi ekstaris altstatura juna viro kun afabla vizaĝo bruligita de la vento. Jam antaŭ ol ni ekparolis, alkuris ankaŭ Penka mem:

— Bonvolu eniri! Bonvenon! — ŝi diris al mi kun ridetanta vizaĝo, kaj kiam mi eniris la vestiblon, ŝi montris la junan viron kaj simple diris: — Jen estas mia edzo Goŝo. Konatiĝu.

Ni komencis konversacii. Penka kun profunda danko rakontis pri la grandaj zorgoj de la grupo da kuracistoj por la plena restarigo de ŝiaj sano kaj fortoj. Longan tempon ŝi estis esplorata en la laboratorio de supera nerva agado ĉe la Instituto por Perfektiĝo kaj Specialiĝo de Kuracistoj. Poste ŝi estis kuracata en la bansanatorio en Bankja kaj pli malfrue ankaŭ en la bansanatorio en Ovĉa Kupel. Per la aplikado de komplika komplekso de kuracprocedoj iom post iom ŝia supera nervagado restariĝis kaj relative rapide stabiliĝis fizike. Nun Penka Najdenova sentas sin tre bone kaj kun amo prizorgas sian familion.

La 5-an de oktobre ŝi edziniĝis al Georgi Aleksandrov kaj post tio ili ricevis novan pli bonan loĝejon. La amikeco inter Penka Najdenova kaj Georgi Aleksardrov komenciĝis antaŭ proksimume du jaroj. Kiam Penka kuŝis malsana, la juna laboristo ofte vizitis ŝin en la malsanulejo kaj montris grandan atentemon, varmon kaj zorgemon al sia amikino. Ilia sincera junula amikeco firmiĝis la 5-an de oktobro, kiam ili geedziĝis. Unu el la atestantoj ĉe la geedziĝo de la juna familio estis D-ro Arŝevir Dereĝian, kiu revivigis la junulinon Najdènova.

Mi aŭskultis kaj elkore ĝojis pri tiuj ĉi junaj homoj, pri ilia sincera amo kaj pri ilia kredo je la nova, bela vivo, kiu staras antaŭ ili kaj kiun ili kreas per siaj fortikaj manoj. Mi ĝojis kaj tutkore bondeziris al ili feliĉon.

**I. Slavev**

---

## REDAKCIA POŜTO

A. V. Zednik, Modrany 1482, CSSR. Dankon pro via preteco agi kiel reprezentanto de TEĴA en Ĉehoslovakio. Via propono pri reprezentantoj de TEĴA por la sovetaj respublikoj koincidas kun la opinio de N. F. Dlnovskij-bv. legi lian artikolon pri tio en la nuna n-ro de „I. Ĵ." Viajn proponojn ni subtenas kaj kunhelpos al vi.

V. V. Kulikov, Omsk. USSR. La starigita de vi demando estas vere tre grava. La kolegoj en Moskvo povus klopodi por eldono de la nova Programo de KPSU en Esperanto. Pro manko de papero en Bulgario ne eblas. Dankon por la salutoj.

Rolf Müller, Ransdorf, DDR. Dankon por via aliĝo al TEĴA. Vi estas enlistigita kiel membro kaj abonanto de „I. Ĵ."

Oskar Berman, Tel-Aviv, Izrael. Via peto estas plenumita kaj la adreso ŝanĝita.

E. Flejs, Iĵevsk, USSR. Oni enskribis vin en la listo de la abonantoj. La jarkolekto 1961 sendita.

Arpad G. Pölöŝkey, Budapest, Hungario. Ni atendas kontribuaĵojn pri via fako. Ekagu ankaŭ kiel reprezentanto de TEĴA.

Alois Hilkersberger, Landeck. Aŭstrio. Vizitonte la Int. Ferv. E-Kongreson en Budapeŝto, vi nepre propagandu la aferon de TEĴA.

Pavelson Hejno, Tallin; V. N. Kaplun, s. Maŝevka, Polt. obl; Iv. Ŝavkun, Gorkij, USSR. Bonvolu aliĝi kaj pagi al la komitatano de TEĴA en Moskvo, s-ano N. F. Danovskij. La organon vi ricevos.

---

*Redaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hr. Botev 98, Sofia 2, tel. 3-34-04, Bulgario*